## Redaktora babilo

Bonvenon en la jaro 1993a de nia kristana erao. Bedaŭrinde oni devas diri, ke ne ĉiuj ĉirkaŭ ni agas pure kristane, sed almenaŭ **ni** devas strebi al prudenta kaj bonfara konduto. Sukceson pri tio al ĉiu leganto.

Ĉu vi rimarkis la ŝanĝeton de nia aspekto. Se la presisto sukcesis, la frontpaĝa verda stelo aspektas pli verde kaj espereble la tuto estas harmonia. Ankaŭ novaj litertipoj helpas al ŝanĝo, tiel ke ni daŭre ne hontu prezenti nian revuon.

En ĉi tiu numero vi trovas miksaĵon de temoj: agoj intaj kaj ontaj de niaj landaj asocioj kaj de unucpuloj inter ni, vi trovas pure fervojfakajn informojn, kiuj montras al nia faka intereso, vi trovas informojn pri pure esperantistaj aranĝoj, kaj ĉio tio esperëble povas respeguli la diversecon de nia ĉiutaga vivo, kiu ja ordinare konsistas el ĉiaj partoj de interesoj kaj faroj.

Bonvolu tuj prepari **vian** kontribuaĵon al venonta numero de IF, por ke ni povu daŭrigi la diversecon kaj buntecon de nia revuo.

Sanon kaj feliĉon dum la nova jaro.

Red.

## Administraj komunikoj

**Adopta Fonduso**
Ne la tuta sumo de Adopta Fonduso estas uzita, sed daŭra alfluo tamen estas tre grava, ĉar ni ne vidas baldaŭan solvon de ĉiuj ekonomiaj malfacilaĵoj en ĉiuj landoj.

La aktuala stato de la fonduso estas 4499,68 DKK. Bonvolu daŭre kontribui, tiel helpante kolegojn, kiuj ne kulpas pri la starigitaj baroj.

**Junulara Fonduso**
Junuloj-IFEF-anoj, kiuj bezonas helpon por iri al la IFEF-kongreso en Cervia, kaj kiuj plenumas la starigitajn kondiĉojn, bonvolu kontakti la IFEF-kasiston por informiĝi pri la eblеco ricevi subvencion.

**Abonprezoj IF**
IFEF-membroj ricevas IF senpage pere de sia landa asocio. (En landoj sen landa asocio rekte de la redakcio).

Se iu deziras ricevi IF rekte de la redakcio, eblas aboni ĝin. La jara prezo estas por Eŭropo 60 danaj kronoj aŭ 13 svisaj frankoj, ekster Eŭropo 75 DKK aŭ 17 CHF. Bonvolu pagi al la IFEF-kasisto.

**Fervojfakaj Kajeroj**
Numero 1 ja aperis okaze de la IFK en Münster, kaj stoko ankoraŭ restas. Ni fiksis la prezon je po 10,- DKK. Revendantoj ĝuas rabaton kaj por reformlandoj estas speciala aranĝo. Numero 2 estas survoje. La Fervojfakaj Kajeroj estas same necesaj al ĉiu aktiva fervojisto-esperantisto kiel estas IF.

**Kongresproponoj**
Ĝis la 31a de decembro 1992 alvenis al la ĉefkomitatano neniu kongrespropono. ■

Frontpaĝo: 'Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante, ni iru la vojon celitan!' - kun junulo ĉe la stirilo.

## Enhavo:




**45a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)**

6a-12a de junio 1993 en ÇERVIA, Italio

Adreso: 45a IFEF-kongreso, Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Poŝtkonto: 19336403, IFEA, Via de' Poeti 5/2, I-40124 Bologna

Bankkonto: 31308, IFEA ĉe BNC, Bologna - Stazione Centrale

Ferio ĉe la okcidenta bordo de la adriatika maro estas en pluraj rilatoj bona elekto. La vetero ordinare estas nemankhava, banstrandoj perfektaj, hoteloj kaj kampadejoj bonaj kaj prezoj moderaj. Ekzistas multaj eblecoj amuziĝi. Kaj abundas ekskurseblecoj al historie tre interesaj lokoj: Ravenna, Ferrara, Bologna, San Marino, Urbino. Krom komprenebla al la lokoj ofertitaj de LKK: Gradara, Faenza, Brisighella, Predappio, Bertinoro, Frassissi-grotoj, Chioggia kaj Venezia.

La urboj ĉe la bordo inter Ravenna kaj Rimini estas elkonstruitaj en la daŭro de kelkaj jardekoj. Cervia tamen havas malnovan, interesan urbokernon.

La IFEF-estraro vizitis en la pasinta oktobro la kongresurbon. Ni povas garantii al vi, ke vi travivos nekutiman kongreson, ekz rilate al kongresejo: estinta salmagazeno, kies murinterno ankoraŭ gustas sale. Do, se mankos soifo, facilos ĝin kreil Muzeeto en unu fino de la kongresejo montras, kiel oni en antaŭaj tempoj fabrikis la vivnecesan salon, kiu kaŭzis batalojn kaj grandan potencon al la venkinto.

Por pliaj informoj vi bonvolu relegi IF n-rojn 1992.4 (pĝ 50), 1992.5 (pĝ 67-68) kaj 1992.6 (pĝ 83-84).

Memoru, ke ekde 16a de februaro la kongreskotizo altiĝos, do se vi legas ĉi tiujn liniojn antaŭ tiu dato, urĝu decidi kaj agi (= aliĝi)!

Kongreskotizo ekde 16.2.93: 90.000 italaj liroj por IFEF-membro, 45.000 por familiano kaj junulo, 120.000 por ne IFEF-membro. ■

## Faka seminario en Prago

En IF 1992.6, paĝo 87, estas menciita organizado de faka seminario "Fakaj aplikoj de Esperanto en (sed ne nur) fervojo" en la ĉeĥa ĉefurbo Prago, dum la semajnfino 12a-15a de marto 1993.

Intertempe ni ricevis pli da informoj, kaj la IFEF-estraro konsideras la seminarion tiom grava kaj interesa, ke ĝi estos reprezentita tie.

Kvankam la detala programo ankoraŭ ne estas preta - ĝi iom dependas de la partoprenonta konsisto - la IFEF-estraro invitas al aliĝo la kunlaborantojn de la Terminara kaj Fake Aplika Komisionoj de IFEF, ĉar gravaj, ankaŭ organizaj, demandoj estos en la tagordo.

Jen kelkaj informoj:

**Programo:**

Vendrede 12.3: Alveno, enhoteliĝo, Libera babiladvespero.

Sabate 13.3: 09.00-16.00 Fakaj diskutoj
Akompanantoj: vizito al judaj sinagogo, tombejo kaj muzeo.
16.00-22.00 Promenado tra praga centro kun vespera

vizito al tipa praga bierejo.

Dimanĉe 14.3: 09.00-12.00 Fakaj diskutoj
Akompanantoj: laŭ intereso vizito al diservo.
13.00-22.00 Ekskurso al la plej konata ĉeĥa kastelo Karlŝtejn inkluzive vespermanĝon.

Lunde 15.3: Butikumado, adiaŭo.

**Prezoj** por ĉiuj persono dum la menciita periodo:

Partoprenkotizo (sen aliaj servoj) 5,- DEM

Tranoktado kun matenmanĝo:
- en dulita ĉambro 65,- DEM
- en unulita - 110,- DEM

Komuna manĝado de vendreda vespermanĝo ĝis lunda tagmanĝo 60,- DEM

Aŭtobusa ekskurso al Karlŝtejn 26,- DEM

Por ĉiu nokto de aldona tranokto
- en dulita ĉambro ĉ 22,- DEM
- en unulita - ĉ 37,- DEM

Partoprenontoj el la t.n. reformlandoj bv demandi pri ebla rabato ĉe la organizanto.

Aliĝojn kun klara indiko pri menditaj servoj bv sendi ĝis la 20a de februaro 1993 al D-ro Petro Chrdle, Anglická 878, CZ-25229 Dobřichovice (telefono kaj telefakso +42-2-201641) kun samtempa sendo de la koncerna monsumo al Komerčni banka Praha, konton-ro 555444-051/0100. La nura partoprenkotizo tamen eblas pagi surloke. ■

## Datreveno

Senlaculo iĝos 85jara. D-ro István Bácskai plenumos la 10an de februaro la unuajn 85 jarojn de sia agadoplena vivo.

Permesu, ke ni citas kelkajn vortojn el la saluto, kiun la tiama IFEF-prezidanto Joachim Giessner dediĉis al d-ro Bácskai antaŭ 5 jaroj:

> 'Se mi bone kalkulas, proksimume 30 jarojn ni kunlaboris por tiu plej nobla ideo de komuna lingvo kaj de pacoplena alproksimigo de homoj al homoj. Mi emas danki al vi en tiu momento pro ĉio, kion vi dum tiuj jardekoj faris por via kaj nia federacio. Vi faris ĝin senbrue, ĝentile, konstruive. En tiu momento restas nenio alia ol deziri al vi por ankoraŭ multaj jaroj kontentigan sanstaton, por ke vi povu pasigi vian vivon, kiun vi ankoraŭ nun vastskale dediĉas al kunlaboro en via hungara Esperanto-medio, kun agrablaj sentoj.'

Tiuj ankoraŭ validaj vortoj estu nia gratulo.

IFEF-estraro ■



## KAVALIRO L. DE SUTTER

BEFA raportas:

'Kun ĝojo ni povas komuniki, ke ĉefkomitatano de IFEF kaj prezidanto de BEFA, s-ro Lucien De Sutter, komence de novembro 1992 ricevis medalon de la belga ŝtato kiel '**KAVALIRO en la ordeno de la krono**'.

Tiu honorigo estas bela signo flanke de NMBS-SNCB por lia multjara sindediĉo en la servo de la fervojo.

Ni ĉiuj gratulas lin, kaj ni deziras ke li povu agi ankoraŭ plurajn jarojn en IFEF, kie li laboras fervore kaj sincere kiel ĉefkomitatano.'

IFEF elkore kroĉiĝas al la esprimitaj ĝojo kaj gratulo de BEFA. ■

# Honoritoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco aŭ FISAIC per medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiam ĉiujn. Tial ni jen publikigas liston de honoraj prezidantoj kaj membroj, honoritoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF:

| Honoraj prezidantoj | | jaro |
|---|---|---|
| Giessner, Joachim | FR Germanio | 1990 |
| de Jong, K G J † | Nederlando | 1991 |

| Honoraj membroj | | |
|---|---|---|
| Biesheuvel, Wilhelm † | Nederlando | 1958 |
| Drijfhout, Egbert † | Nederlando | 1958 |
| Stapel, Walig † | Nederlando | 1958 |
| Hoen, Harmen † | Nederlando | 1963 |
| Lok, Jan † | Nederlando | 1965 |
| Kensing, Ingvard † | Danio | 1973 |
| de Jong, Kornelis G.J. † | Nederlando | 1975 |
| Walder, Otto † | Svislando | 1975 |
| Thorsted, Niels Christian † | Danio | 1976 |
| D-ro Bácskai, István | Hungario | 1976 |
| Mag. Narvala, Nils Gösta † | Finnlando | 1977 |
| Gimelli, Germano | Italio | 1977 |
| Labordus, Jacob Johannes † | Nederlando | 1977 |
| Inĝ. Rebiček, Jaromir | Ĉeĥo-Slovakio | 1977 |
| Bürger, Johann † | Aŭstrio | 1978 |
| Poly, Pierre † | Francio | 1978 |
| Kruse, Elfriede | FR Germanio | 1980 |
| van Leeuwen, Willem | Nederlando | 1980 |
| Blondeaux, André † | Francio | 1983 |
| Lemmonier, Germaine | Francio | 1985 |
| Zupanić, Josip † | Jugoslavio | 1986 |
| Engen, Per | Norvegio | 1988 |
| Babička, Jaromir | Ĉeĥo-Slovakio | 1991 |

| Honoritoj per FISAIC-medalo | | medalspeco | |
|---|---|---|---|
| Geroldinger, Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blaauw, M.Thies † | Nederlando | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler, Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| de Jong, Kornelis G.J. † | Nederlando | ora | 1969 |
| Lemmonier, Germaine | Francio | arĝenta | 1969 |
| Giessner, Joachim | FR Germanio | ora | 1970 |
| Lok, Jan † | Nederlando | ora | 1970 |
| Blondeaux, André † | Francio | arĝenta | 1971 |
| Ritterspach, Gernot † | FR Germanio | arĝenta | 1971 |
| | | ora | 1990 |
| Zupanić, Josip † | Jugoslavio | arĝenta | 1971 |
| Christoffersen, Johannes † | Danio | arĝenta | 1973 |
| Walder, Otto † | Svislando | ora | 1974 |
| Kruse, Elfriede | FR Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson, Harry | Svedio | bronza | 1976 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Barks, Horace † | Britio | arĝenta | 1977 |
| van Leeuwen, Willem | Nederlando | ora | 1979 |
| Labordus, Jacob Johannes † | Nederlando | arĝenta | 1981 |
| D-ro Bácskai, István | Hungario | ora | 1982 |
| Sredić, Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig, Heinz Dieter | FR Germanio | ora | 1988 |

**Honora Patrona Komitato de IFEF**

| | | |
|---|---|---|
| 1970 D-ro Schlesser, Emile † | Luksemburgio | Ĝenerala prez. de FISAIC |
| I.A.Pahin | Francio | Prezidanto de UAICF |
| Ceci, Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviario, Bologna |
| 1971 Inĝ. Rödönyi, Karoly | Hungario | Unua Anstataŭanto de la Ministro por Poŝto kaj Trafiko |
| 1972 D-ro inĝ. Azzi, Giordano | Italio | Honora Membro de UEA, prezidanto de Itala Esp.-Federacio |
| 1977 D-rino Boulton, Marjorie | Britio | Universitato Oxford |
| 1987 Inĝ. Rodak, Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de fervoja direkcio Katowice ■ |

## Esperanto kiel ponto inter germana kaj ĉina lingvoj

En la jubilea jaro de Esperanto 1987 la tiama prezidanto de IFEF, Joachim Giessner, tradukis libron de la germana aŭtorino Gudrun Pausewang kun Esperanto-titolo "La lastaj infanoj de Oldrovalo". Tiu libro jam en la jubilea kongreso en Varsovio estis priatentita kaj intertempe trovis vojon al multaj landoj, i.a. ankaŭ al Ĉinio. Ĝia tre aktuala enhavo - la teruraj sekvoj de atombomboj - tuŝis niajn ĉinajn amikojn tiel forte, ke ili iniciatis tradukon de la libro en sian lingvon.

Kvankam la ĉinaj skribosignoj por neĉinoj ne estas kompreneblaj, tiu libro estas grava atesto por la taŭgeco de Esperanto kiel peranto inter popoloj de tute diversspecaj kultursferoj, lingvoj kaj eĉ skribosignoj. Tial ĝi estu en la mano de multaj esperantistoj por servi kiel dokumento pri tiu mirinda taŭgeco.

Jen citaĵo el letero de la ĉina iniciatinto, la prezidanto de la ĉina IFEF-asocio, inĝ. Li Sen: "Mi jam dissendis la librojn al miaj amikoj en la tuta lando. Ĝi certe havos grandan influon por propagandi kontraŭ nuklea milito kaj nuklea minaco".

Malgraŭ malstreciĝo de la rilatoj inter la plej potencaj ŝtatoj la danĝera minaco neniel estas forigita. La libro estas kaj restas aktuala.




Prezo de la ĉina versio DM 9.90, de la Esperanto-versio DM 13.90, ambaŭ mendebla ĉe Joachim Giessner, An der Nicolaischule 3, D-W-3420 Herzberg am Harz. Aldoniĝas la sendkostoj.

Gi

# Kiel sin organizas la fervojistoj

Ĉiam estis diversaj konstelacioj kaj organizmetodoj tra Eŭropo, kaj ne malpli nun, kiam la privatigo de la fervojoj kelkloke estas sufiĉe proksima (aŭ jam realo). En kelkaj landoj la sindikatoj havas fortajn rilatojn al la politika mondo, en kelkaj ne. En kelkaj landoj estas sindikata asocio NUR por fervojistoj, en aliaj oni membras en asocioj, kiuj kovras similajn laborojn (ekz-e ĉe oficistoj, fajrobrigardistoj aŭ, ĉefe, ĉe ŝtataj laboristoj).

Okaze de voko al striko por la fervojistoj 27/10-92 la franca periodaĵo 'la vie du rail' en sia numero 2367 (29/9-92) enketis pri la diverslandaj kondiĉoj, kial oni sekvis la vokon striki, aŭ kial ne. El tiu materialo ni ĉerpis pri la organiza flanko:

## Germanio

Estas tri organizoj, nome GdED (la plej forta), GdBA (plejparte la oficistoj) kaj GdL (lokomotivestroj). La dungitoj ĉe DR (Deutsche Reichsbahn) nombras ĉ. 70% de tiuj de DB (Deutsche Bundesbahn).




La nombroj inkluzivas pensiulojn.

## Aŭstrio

Ĉe ÖBB laboras 67.000 fervojistoj, sed al la sindikato OGB membras 115.000 homoj - la pensiiĝo ne estas tempo por eksmembriĝi!

## Belgio

Estas du sindikatoj - la pli forta estas 'la ĝenerala' CGSP, dum la alia, kristana asocio, SCCC, estas pli forta en Valonio (la 'franca' parto de Belgio)




## Danio

Estas entute 21.000 fervojistoj, el kiuj 19.000 membras en la Jernbanesektoren, kiu estas memstara asocio en la 'ombrela' asocio Statskartellet, sindikato por ĉiuj dungitaj ĉe la ŝtato.

## Hispanio

Entute en la lando estas 55.000 fervojistoj, el kiuj 48.000 laboras ĉe la ŝtata fervojo RENFE. La kvar sindikatoj estas CCCO, UGT (en tiuj du membras laboristoj kaj oficistoj), Semaf kaj CGT (mekanikistoj k.s.)




## Britio

El la 138.000 fervojistoj 90% membras en unu el la tri sindikatoj: TSSA, (monate salajritaj, oficistoj), RMT (semajne salajritaj, laboristoj) aŭ ASLEF (lokomotivestroj).




## Grekio

Estas entute 13.000 fervojistoj, el kiuj 12.000 membras en POS - la sindikato por fervojistoj.

## Irlando

CIE, la granda transportentrepreno de Irlando, kiun posedas centelcente la ŝtato, 'enhavas' la fervojojn de la lando, la aŭtobusojn kaj la ĉefurban trafikon de Dublin. Laboras ĉe CIE 10.500 personoj, el kiuj 6.000 fervojistoj, kaj ekzistas entute 17 sindikatoj! Ĉiuj estas rilataj al la katolika eklezio, kiu estas tradicie tre forta en Irlando.

Ĉiuj sindikatoj estas membroj de la 'ombrela' organizo ICTU.

**Italio**

En Italio la sindikatoj havas fortajn rilatojn al la politika sfero. La fervojistoj plejparte apartenas al tri diversaj sindikatoj: UIL (socialdemokrata, 19.400 fervojistoj), CISL (kristan-demokrata, 40.000 fervojistoj) kaj CGIL (komunista, 50.000 fervojistoj). La ŝtata fervojo FS planas privatigon kaj antaŭvidas redukton de dungitoj - de 170.000 al 53.000 personoj.




**Luksemburgio**

Estas entute 3.400 fervojistoj, kaj ili estas membroj de FNCTTFEL (la 'ĝenerala' sindikato) aŭ FCPT (la kristana). FNCTTFEL partoprenas la diskutojn kun la fervojo, kontraŭe al FCPT.

**Nederlando**

El la 27.000 fervojistoj 57% estas membroj de sindikato. FNV estas socialista kaj CNV estas kristana.




**Portugalio**

En Portugalio troviĝas 199.920 fervojistoj, kaj el tiuj 198.460 estas membroj de sindikato - 93%! Estas 3 asocioj: CGTP, kiu estas komunista, 10.752 membroj, UGT, kiu estas socialista, 6.161 membroj, kaj la sendependa, 1.500 membroj.

**Svisio**

80% el la 32.000 fervojistoj de Svisio estas membroj de SEV, kiu entute havas 50.000 membrojn (ankaŭ enurba trafiko de diversaj urboj), do, sufiĉe forta asocio. 6% estas membroj de GCV.

Kompilis Lene kaj Jan Niemann (laŭ artikolo en 'La vie du rail' n-ro 2367 (29/9 1992))

■

## Eŭropa trajnkontrola sistemo

En preskaŭ ĉiuj landoj ekzistas diversaj sistemoj por kontrolo de la fervojtrafiko kaj pro tio ankaŭ problemoj pri la translima veturado de elektraj trakciiloj. Instrumentoj kaj tekniko por la diversaj sistemoj ne povas esti instalataj en kondukistejo de trakciilo. Por ke en estonta grandrapida fervojreto la trajnoj povu transveturi landlimojn sen ŝanĝo de trakciilo, necesas superordiganta sistemo, kiu informojn de naciaj kontrolsistemoj povos kompreni, tiri konkludojn kaj transformi ilin en necesajn komandojn en la trakciilo. Tian trajnkontrolan sistemon nuntempe evoluigas kelkaj eŭropaj fervojoj kaj industriaj entreprenoj subtenataj de la Eŭropa Komunumo (EK).

La estonta Eŭropa Trajnkontrola Sistemo (ETCS) devas konformi unue al la naciaj kontrolsistemoj. Ĝi devas funkcii, sendepende de kie venas la komponantoj. Industrigrupo elektita de EK prilaboras pliajn postulojn de la specifaj sistemoj kaj konstruas prototipojn. Ĉiuj laboroj celas al la estonteco. ETCS devas esti multampleksa kaj enteni i.a. ankaŭ la kontinuan aŭtomatan trajngvidadon de la Germana Federacia Fervojo (DB) por la InterCity-Express (ICE). Celo de ĉio estas ekspluatadi pli intensive la internacian reton de grandrapida fervojtrafiko por profitcele konkurenci kun la aliaj trafikiloj, precipe la aviadilo.

Kompil. el "Blickpunkt" 9/92 de Wilhelm Barnickel (D)

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**

S-ro Germano Gimelli, Via Creti 61.
I-40128 BOLOGNA, Italio.

Aldonu se eble internacian respondkuponon.

## 70 jarojn UIC

La unuan de decembro 1922 oni fondis en Parizo la Internacian Fervojunion (UIC), franclingve "Union Internationale des Chemins de fer".

Necesas unue mencii, ke jam multe pli frue la eŭropaj fervojoj ekkonis, ke por tiu limojn transiranta trafikilo "fervojo" oni bezonis kunlaboron sur internacia nivelo. Tial oni jam en la 19a jarcento pli kaj pli intensive kunlaboris, kaj ekzemple jam ekde 1872 ekzistas la Eŭropa Konferenco por Pasaĝertrajnoj.

Unu el la ĉefaj kaŭzoj por fondo de UIC estis la grandegaj internaciaj ekonomiaj problemoj post fino de la unua mondmilito. Kaj dum la sep jardekoj de sia ekzistado UIC povis pruvi, kiel utila estis kaj estas ĝia agado por la funkcio de la fervojoj kaj nacie kaj internacie. Ĉar ankaŭ nun, kaj ĝuste pro la daŭre kreskanta transportvolumeno unuflanke kaj la ĥaoso sur la ŝoseoj kaj stratoj aliflanke, la konstrua laboro de UIC duoble gravas.

La taskoj de UIC koncize estas fiksitaj en ĝia statuto, nome:
- stimuli kunlaboron kaj normigon
- oferti agadkadron por evoluigo de la internacia reltrafiko,
- pledi por la interesoj de la fervojoj sur internacia nivelo.

La plej alta instanco estas la ĝenerala asembleo, en kiuj ĉiuj membroj estas reprezentataj. En 1992 UIC havis 87 membrojn en 65 landoj en ĉiuj kvin kontinentoj kun entute ĉirkaŭ 760.000 km de linioj. Inter ili estas 22 asociitaj membroj, ekz. Internacia Fervoja Societo por Kontenertransporto (Intercontainer) kaj Internacia Fervoja Societo por fridigaj transportoj (Interfrigo).

Por eviti tro oftan kunvokadon de la kompleta ĝenerala asembleo, oni kreis afergvidantan komisionon, en kiu kunlaboras 26 fervojoj. Ĝi fiksas la ĝeneralan agadprogramon. Por la pli konkreta laboro ekzistas naŭ fakaj komisionoj, en kiuj fervojaj specialistoj traktas la agadkampojn pasaĝertrafiko, vartrafiko, financoj, funkcia servo, strategia planado, veturiloj, fervojaj instalaĵoj, informado kaj esplorado.

En Utrecht (NL) ekzistas sub tegmento de UIC la "Eŭropa Instituto por fervoja Esplorado" (ERRI, antaŭa ORE), al kiu UIC donas direktivojn. Proksimume triono de la fervojaj UIC-linioj troviĝas en Eŭropo. Kaj inter la eŭropaj fervojoj ekzistas la "Komunumo de eŭropaj Fervojoj (germane: Gemeinschaft der Europäischen Bahnen = GEB). Ĝiaj membroj estas la fervojoj de la dekdu ŝtatoj-membroj de la Eŭropa Komunumo plus tiuj de Aŭstrio kaj Svisio. La celoj de GEB estas
- komune reprezenti la interesojn de la eŭropaj fervojoj,
- kontribui en kunlaboro kun la instancoj de EK al evoluo de komuna trafikpolitiko kaj preni aliajn decidojn rilate al la fervojoj,
- stimuli plej fortan kunlaboradon inter la membro-fervojoj.

La sidejo de GEB estas en Bruselo.

Kelkaj ciferoj montru la gravecon de tiuj GEB-fervojoj:

Pojare ili transportas ĉirkaŭ kvin miliardojn da pasaĝeroj kaj unu miliardon da tunoj da varoj. La valoro de ilia pojara vendosumo estas cent miliardoj da germanaj markoj.

Tiu GEB en strikta kunlaboro kun UIC precipe aktivas en egaligo de la konataj diferencoj en la transportkondiĉoj por la fervojoj unuflanke kaj la kamionoj aliflanke, ekz. per kreo de rektaj, komputile gardataj vartrajnoj inter eŭropaj ekonomiaj centroj sen doganaj haltoj ĉe la limoj.

Oni certe rajtas aserti, ke UIC ne nur estas tre utila institucio, sed necesega por koordini la fervojojn. Sen ĝi eŭropa surrela trafiko ne estas imagebla. Ĝi estas modelo rilate al internacia kunlaborado.

J.Giessner

## Problemo Transrapid

Partoprenintoj de la lastjara IFEF-Kongreso en Münster havis okazon rigardi almenaŭ de ekstere la faman magnettrajnon Transrapid. En filmo ili vidis la evoluon kaj funkciadon de tiu nova transportsistemo, kiu laŭdire nun estas plenpreta ŝvebi super ferbetona trafikvojo. Intertempe la germana trafikministerio registris en sia t.n. trafikitinera plano tiun trafiksistemon kaj elektis por ĝia realigo la linion Hamburg – Berlin (280 km). Ambaŭ grandurboj havas la plej multajn enloĝantojn en Germanio. Oni kalkulas, ke la ŝvebanta Transrapid bezonos por la menciita linio 55 minutojn, dum la veturdaŭro de nuntempa Inter-City-trajno estas 90 minutoj.

Germana Federacia Fervojo (DB), jam de jaroj partnero de la komisio puŝanta la evoluigon Transrapid, deklaris, ke unuflanke ĝi pretas ekspluatadi la trafikon de magnettrajna sistemo, sed ke ĝi malkonsentas ekspluatadon paralelan al jam ekzistanta fervojlinio. La estontaj finstacioj de Transrapid situos ĉe la periferio de la urboj, tiel ke pasaĝeroj estos devigataj uzi ambaŭ trafiksistemojn, tiun de magnettrajno kaj tiun de la fervojo. Tiamaniere pligrandiĝos la efektiva veturdaŭro.

Pliaj demandoj necesigas respondon. Ekzemple Transrapid-trajno bezonas baterian energion por la starto el kuŝanta en ŝvebantan pozicion, krome por ne antaŭvidita bremsado. Kiom longe eltenas la baterioj la konstantan uzadon? Aŭ kiel sintenas la magnettrajna sistemo dum vintraj obstakloj? Aliflanke la planado, havigo de tereno kaj konstruado bezonos minimume dek jarojn ĝis la ekspluatado, sufiĉe da tempo por atingi optimuman staton de konvencia kaj magnettrajna trafiksistemoj. Kontraŭuloj, precipe verduloj, pledas por plibonigo de grandrapida kaj kurtdistanca fervojtrafikoj. Ankaŭ ekologiaj kontraŭargumentoj ludos gravan rolon.

Ĉio estas ankoraŭ malferma, ankaŭ la definitiva decido, kiu efektiviĝos nur interkonsente kun la politikistoj. Sed kiun registaron Germanio havos en la venonta tempo?

Kompil. el "wir/Fahrt frei" 9/92 de Wilhelm Barnickel ■

## Recenzo

Lorens' Mi: 'Toponimia Terminaro', Istlia Eldonejo Esperantista, 1992, prezo 4 steloj

Kiam Lorens' Mi volis verki suplementon al la 'Interetna Vortaro de Ordinara Esperanto' (IVOE) pri regn-, land- kaj aliaj nomoj, li elpensis novan terminon por distingi regnon kaj loknomon – regnonimo.

La kajero **Toponimia Terminaro** estas tia suplemento, kaj kun tiu klarigo ĝi estas tre interesa kaj verŝajne utila (mi ne konas IVOE), sed la demando (laŭ mi) estas, ĈU oni uzu la proprajn nomojn (land- kaj loknomojn) tiel? Se oni rigardas la mondon, oni konstatas, ke esperantigo de person-, urb- kaj landnomoj vere ne helpas en la ekster-esperanta medio. Ekz-e mi spertis, ke leteroj ne alvenas, se la adreso estas en ne-nacia lingvo (ne ĉiuj poŝtistoj de la mondo estas esperantistoj). Ni devas akcepti, ke Esperanto ne estas mondlingvo – aliflanke la esperantigitaj nomoj bone taŭgas por helpi pri la prononco de fremdaj nomoj – Esperanton oni povas uzi kiel fonetikan lingvon.

Cetere Lorens' Mi ne estas tute logika – plej ofte li uzas por landnomoj la finaĵon -io, sed DanLANDo restas!

La teknika kvalito de la kajero (preso, aspekto) estas vere malbona. Ofte ja estas la kondiĉoj, se oni volas ION fari en Esperantujo, ke oni mem pli-malpli pagu/faru – sed tiu kajero estas preskaŭ nelegebla. Domaĝe.

L.N.

## Internacia renkont-kunsido de fervojistaj esperantistoj en Ĉinio

Je la 19a de aŭgusto de la pasinta jaro okazis renkontiĝa kunsido de fervojistaj esperantistoj dum la 5a Pacifika Kongreso de Esperanto en la Hotelo Huanghai de la urbo Qingdao, provinco Shandong, Ĉinio. La kunsidon ĉeestis pli ol tridek fervojistoj de Ĉinio kaj Japanio. El ili estas s-ro Nobuki Naosuka, sekretario de Japana Esperantista Ligo Fervojista, japana filio de IFEF kaj s-ro Akira Shibita. La prezidanto de Japana Esperantista Ligo Fervojista sendis al la kunsido gratul-leteron.



Vicprezidanto de Unuiĝo de Fervojistaj Esperanto-Grupoj s-ro Han Zuwu prezidis la kunsidon. S-ro Nobuki faris raporton pri la novaj ĉefaj fervoj-linioj de Japanio. Prezidanto de UFEG s-ro Li Sen faris gravan paroladon pri la atingoj de UFEG en diversaj lokoj de Ĉinio kaj venontjara laboro de la ĉinaj esperantistoj. Alilokaj fervojistoj de Ĉinio prezentis al la ĉeestantoj pri la situacio en siaj lokoj kaj donis utilajn proponojn al la E-movado en Ĉinio. Ĉinaj fervojistoj disdonis la fakajn materialojn "FERVOJA KONSTRUADO DE LA NOVA ĈINIO". Ili ankaŭ diskutis, ĉu la 46a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso okazu en Azio, en Ĉinio. Ĉinaj fervojistaj esperantistoj havas deziron por okazigi la Kongreson en Ĉinio.

La atmosfero de la kunsido estis tiel vigla kaj varma, ke la japanaj kaj ĉinaj fervojistoj kantis pro ĝojo kaj entuziasmo.

Antaŭ la Kongreso japanaj esperantistoj Nobuki, Shibata kaj Sajto Tonoko vojaĝis tra Interna Mongolio akompanate de Intern-Mongolaj esperantistoj. Ili estis bone akceptitaj de la ĉinaj fervojistaj esperantistoj.

Han Zuwu, vicprezidanto de UFEG

## Publika danko al s-ro Heinz Schindler

Pere de nia revuo "INTERNACIA FERVOJISTO" mi esprimas grandan dankon en la nomo de Unuiĝo de Fervojistaj Esperanto-Grupoj al s-ro Heinz Schindler (Germanio).

S-ro Heinz Schindler sendis al mi multe da ekzempleroj de "IF". Tiuj ĉi materialoj multe helpas nin ĉinaj fervojistaj esperantistoj en la fako de fervojo.

Bonan sanon al s-ro Heinz Schindler.

Disvolviĝon kaj prosperon al la Esperanto-movado de diversaj landoj en la mondo

de Han Zuwu,
vicprezidanto de UFEG de Ĉinio

## TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) komunikas:

Dek junaj, aktivaj esperantistoj povos senkoste partopreni la 49an Internacian Junularan Kongreson en Vraca (Bulgario). Speciale invitataj estas gejunuloj el Albanio, Rumanio kaj la eks-jugoslaviaj ŝtatoj.

La IJK en Vraca okazos de la 7a ĝis la 14a de aŭgusto 1993.

La kandidatoj estu aktivaj esperantistoj en la TEJO-aĝo (maks. 30jaraj) kaj skribu leteron kun informoj pri siaj aĝo, okupo kaj Esperanto-aktiveco. La letero alvenu antaŭ la 15a de marto 1993 en la Centra Oficejo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam.

■

*La ĉi-suban rezolucion la redakcio ricevis kun peto pri publikigo. Ni hezitis iomete, ĉar la neŭtraleco de IFEF estas ja laŭ la statuto difinita tiel:*

*'La Federacio estas faka kultura organizo, neŭtrala rilate al nacieco, raso, sekso, religio, politiko kaj sociaj problemoj, kun escepto de la lingva problemo en internaciaj rilatoj.' (§ 3,1).*

*Sed la statuto diras ankaŭ:*

*'Respekto de la homaj rajtoj, difinitaj en la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, estas esenca elemento de la federacia agado.' (§ 3,2).*

*Pro tio, kaj ĉar artikolo 3 de la nomita Deklaracio tekstas jene: ' Ĉiu havas la rajtojn je vivo, libereco kaj persona sekureco.' (substrekita de la red), ni jen publikigas la rezolucion, kaj ankaŭ ĉar ĝi montras al grava demando de la nuntempo.*

## Rezolucio de Germana Esperanto-Asocio

**okaze de la kontraŭeksterlandanaj atakoj dum la lastaj monatoj en Germanio**

Germana Esperanto-Asocio, kiel reprezentanto de civitana kaj kultura movado aktivanta de pli ol 100 jaroj por kompreno kaj paco inter homoj de malsamaj naciecoj, eksterordinare indignas pri la aktuala ondo de perforto kontraŭ eksterlandanoj en Germanio. Kun abomeno kaj hororo ni vidas, ke ŝovinismo kaj rasismo en blinde furioza malamo disvastiĝas pli kaj pli en Germanio kaj danĝerigas nian demokration. Kiu hodiaŭ silente rigardas, kiam oni batas fremdulojn, morgaŭ devos rigardi, kiel oni bruligas librojn kaj kiel postmorgaŭ oni murdos tutajn grupojn el la popolo. La pretendo, ke Germanio "ne estas lando malamika al eksterlandanoj", fariĝas nuda ciniko.

Germana Esperanto-Asocio tial postulas:

- efikan protekton kontraŭ atakoj al korpo kaj vivo de homoj, kaj energian agadon de polico kaj justico kontraŭ la obstinaj perfortuloj;
- ampleksan dialogon inter socio kaj politiko sur ĉiuj niveloj, por venki la estiĝintan fremdiĝon kaj por serĉi eventualajn solvojn por la realaj problemoj kun konsidero de ties kaŭzoj;
- solidaran kaj aktivan pledon de ĉiuj demokratoj en "reto da solidareco" kontraŭ la terorismo de la politikaj dekstruloj, per tio ke pli ol ĝis nun ni faru la valorojn de demokratio, libero kaj homaj rajtoj bazo de nia identiĝo kun nia respubliko, tiamaniere malfortigante la naciisman elementon. Kiu nomas sin germano, devas aktive pledi por tiuj valoroj, pri kiuj ni devus fieri de 40 jaroj. Ĉiu, kiu tiel piedpremas niajn valorojn, metas sin kontraŭ nia socio kaj devas porti la konsekvencojn antaŭvideblajn en konstitucie jura ŝtato.

Al niaj samlandanoj kaj al niaj amikoj en la tuta mondo ni diras: Tion ĉi ni ne toleras! Ne eblas senkulpigi tiajn fiagojn. Ni apelacias al niaj membroj kaj al ĉiuj Esperanto-amikoj, ke ili kun ankoraŭ pli da civila kuraĝo ol ĝis nun aktivu por la protekto de homoj senkulpe minacataj.

En Mainz, la 4an de oktobro 1992 - la estraro de Germana Esperanto-Asocio

## De niaj landaj asocioj

**Bulgario**

La 12a Bulgara Nacia Fervojista Esperantista Konferenco okazis 31an de oktobro – 1an de novembro 1992 en urbo PLOVDIV kun partopreno de 20 delegitoj kaj 22 gastdelegitoj.

Prezidanto de la sekcio, s-ro Enjo ENEV, raportis pri la agado depost la pasinta konferenco kaj koncize pri la 44a Kongreso en Münster. La prezidantoj de la fervojistaj societoj kaj kluboj raportis pri sia agado. Estis diskutataj multaj organizaj demandoj. S-ro Enev estis reelektata prezidanto.

Okazis bela interkona vespero kun muziko kan danco ĝis noktomezo.

Dimanĉe okazis ekskurso en la malnova urboparto sub gvido de s-ro Lazar Karaĵev. Oni vidis romian stadionon, amfiteatron, etnografian muzeon k.a.

La ĉijara konferenco okazos en Gorna Orjahovica.

(kompilita laŭ du ricevitaj raportoj)

**Francio**

Alvoko de la Franca Asocio al kolegoj el eksterlando:

La franca asocio de IFEF (FFEA) deziras ricevi la viziton de almenaŭ unu eksterlanda kolego por viziti la FFEA-grupojn en Paris, Le Mans kaj Toulouse, cele al parolo kun la novaj membroj.

Tio faciligos al la novaj membroj de FFEA la paroladon en Esperanto kaj tio alportos al ili pruvon ke nia lingvo estas mirinda kaj facila.

La kolego(j) kiuj akceptos veni al Francio estos tre kore akceptitaj kaj gastigitaj senpage.

Do, se iu el vi el la IFEF-membraro akceptas veni al Francio, bonvolu skribi al s-ro Guy DELAQUAIZE, vic-prezidanto de FFEA, 100, rue Gandillet, F-78420 CARRIERES sur Seine, Francio.

Mi organizos la alvenon en Paris, Le Mans kaj Toulouse kun la responsuloj de tiuj lokaj grupoj. Ni zorgos pri la alveno, la vojaĝo kaj la restado.

Antaŭe, mi esperas ricevi almenaŭ 1 akcepton pri tio, kaj mi jam kore dankas vin.

Guy DELAQUAIZE

**Germanio**

Ĉar la 44a IFK okazis en Germanio, GEFA ne en 1992 okazigis jarkunvenon, sed la 17an de oktobro kunvenis en Fulda ties gvidantaro.

Oni findecidis la kunigon de la Esperantogrupoj en la terenoj de DB kaj DR kun efiko de la 1a de januaro 1993. IFEF do nun havas nur unu landan asocion en Germanio: GEFA.

La intencita eksprezidantiĝo de J.Giessner ne okazis. Li deklaris sin preta, provizore daŭrigi la gvidadon, ĉar la momente iom komplika situacio (DB/DR) kaj aliaj neantaŭviditaj aspektoj malfavorigas tian ŝanĝon. Krome la redaktoro de Bulteno pro sanstato fordonas sian taskon. Kuntransprenos ĝin la prezidanto. La taskojn de vicprezidanto, protokolado kaj parton de la korespondado prilaboros O.Rösemann. Financoj restas ĉe H.J.Riehn. Kvara membro de la gvidorgano estas A.Meinel, kiu transprenas la komunikadon al la amaskomunikiloj kaj la jarraportojn al IFEF.

Retiriĝis E.Kruse, kiu prizorgis la emeritulojn. Tiun oficon transprenis R.Terjung. W.Barnickel retiriĝis rilate al gazetaro kaj specialaj taskoj. Transprenis A.Meinel.

La venonta jarkunveno okazos 8an-10an de oktobro 1993 en Titisee (Nigra Arbaro) kun alloga programo.
(El Bulteno (de GEFA) n-ro 5/1992)

## Antverpeno – kultura ĉefurbo de Eŭropo 1993

En 1985 la greka kulturministro Melina Mercouri lanĉis la ideon pri eŭropa kultururbo. Post Athina, Firenze, Amsterdam, Berlin, Paris, Glasgow, Dublin kaj Madrid, Antwerpen havos la honoron en 1993.

En sia programo Antwerpen elektis kiel temon ARTÔ, kaj estos dum la tuta jaro forumo de eŭropaj artesprimoj: muziko, teatro, danco, opero, grafikaj artoj, arkitekturo, literaturo, filmo, fotado ... ĝis gastronomio.

Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, provas inviti kiel eble plej multe da esperantistoj por partopreni. Oni provas gastigi, ĉiĉeroni, servi, helpi, precipe dum la semajno 16a-25a de julio, sed ankaŭ dum alia tempo.

Informfolio kaj aliĝo ĉe FEL. ■

## Vigla Esperanto-agado en Tuluzo

Esperanto-Kultur-Centro, 1, rue Jean-Aillet, F-31000 Toulouse, raportas pri vigla agado.

Ekzemple manifestaciis kvindeko da esperantistoj la 10an de oktobro antaŭ la sidejo de televidstacio **France-3** kaj ĵurnalo **La Dépêche du Midi**, kaj inter ili estis regionaj fervojistoj. La celo estis malfermi publikan debaton pri la problemoj de komunikado kaj de la lingvoj en Eŭropo.

Loka televidstacio Télé-Toulouse (TLT) elsendis 15minutan prezenton, kaj EKC kunlaboros pri "Festo de la Lingvoj 93" (20. marto - 3. aprilo).

Ĉiuj informoj, dokumentoj, libroj, broŝuroj, informiloj, spertoj, kunlaboroj, proponoj, sugestoj ktp. bonvenos ĉe EKC. ■

## Kultura kaj Turisma Semajno

De la 9a ĝis la 16a de oktobro 1993 okazos en Sant Cugat del Valles, apud Barcelona, Katalunio, Hispanio, la 1a Internacia Kultura kaj Turisma Semajno. La programo ampleksas prelegojn, konversacian kurson, vesperajn aranĝojn kaj ekskursojn.

Aŭspicias Hispana Esperanto-Muzeo en Sant Pau d'Ordal. Informoj ĉe
Hispana Esperanta Fervojista Asocio,
Poŝtkesto 15027, E-08080 BARCELONA. ■

## SAT-AMIKARO informas:

La 48a Kongreso de SAT-AMIKARO estiĝos de la 9a ĝis la 13a de aprilo 1993 en Hérouville Saint Clair, apud CAEN, Francio. Informoj kaj aliĝiloj ĉe
Yves NICOLAS, 17-37 Quartier du Bois,
F-14200 HEROUVILLE SAINT CLAIR.

■

## TANEF-aranĝo

Turista Asocio "La Naturamikoj" Esperanto-Fako (TANEF) okazigos Internacian Ferio-Semajnon en Meklenburgio - Antaŭpomerio 4an-11an de septembro 1993. Restadejo kaj elirpunkto por ekskursoj estos Hotelŝipo "Burg Landshut" en Ueckermünde (ĉe Balta Maro). Informoj kaj aliĝiloj ĉe s-ino Erna Döring, poŝtfako 225, CH-4003 BASEL. ■

## Turismo

En Italio oni sukcesis konvinki la Agentejon de Turisma Promocio de la Trenta Regiono publikigi du tre belajn turismajn broŝuretojn pri vintra kaj somera sezonoj en Esperanto. La argumento estis: Esperanto povas helpi ankaŭ en turismaj kaj komercaj aferoj.

Por demonstri, ke tio estas vera, necesas ke multaj esperantistoj postulu la broŝuretojn, kiujn oni ekspedas senpage de

APT - Azienda di Promozione
Turistica del Trentino,
Via Sighele 3, I-38100 TRENTO. ■

## Ni funebras

La 29an de decembro 1992 lastfoje adiaŭis parencaro kaj membroj de la esperanta rondeto Amikeco el Česká Třebová kun s-ro Inĝ. Emil Jindřich. Li forlasis siajn proksimulojn en la aĝo de 66 jaroj. Rigardante reen en lia vivo kaj lia agado en la esperanta movado mi rememorigu lian aktivecon kiel prezidanto de Fervojista Sekcio de ĈEA komence de la sepdekaj jaroj ĝis 1976. Per sia persista kaj celkonscia laboro en la sekcio li enviciĝis inter tiuj, kiuj kontribuis al disvolviĝo de la internacia fervojista esperanta movado.

Tiuj, kiuj konis lin bonvolu dediĉi al li piecan rememoron.

Kovář L.

## ©REMEMORO PRI TURISMAJ TAGOJ TUTA'92 EN ŽILINA

En la tria pasintjara numero de IF estis aperigita invitilo al Turismaj Tagoj TUTA'92. Organizis ilin tuj post la fino de la UK en Vieno la Esperanto-klubo de Žilina kunlabore kun Slovakia Fervojista sekcio.

La nombro de partoprenintoj estis tre modesta (se ni komparas kun TUTA antaŭ tri jaroj, kiujn partoprenis 200) - proksimume 30 turistoj el Germanio, Nederlando, Ukrainio kaj, memkompreneble, ĉeĥoj kaj slovakoj. Inter ili tamen estis kelkaj fervojistoj - du germanoj (inter ili sinjoro Stammberger, partoprenintо kaj venkinto dum pasintjara IFES en Vratnavalo, kaj fidela multjara partoprenintо de TUTA), unu ĉeĥo kaj du slovakoj (enkalkulinte ankaŭ la skribantinon de tiu ĉi artikolo).

Ju pli modesta nombro - des pli bonega humoro kaj preskaŭ familia atmosfero. Ankaŭ la vetero helpis, estis bele varme, eĉ foje tro, sed des pli bone post piedekskursoj gustis la biero. Ni faris ekskursojn en Vrátna-valo kaj en Súlov montaro. Ne estis A-grupo por tiuj, kiuj kutime marŝis 20 kilometrojn, sed dank' al nederlandanino, sed ne nur por ŝi, ni kreis ne kutiman D-grupon, kiu ekskursis plejparte en muzeoj kaj urboj. Tamen tiu bedaŭrinda ebenaĵulino, fine devigita marŝi en Jánošik-kanjonoj en Vrátna-valo, kiujn konas bone ankaŭ partoprenintoj en 1991a postkongreso, timeme flustris: "se tio ĉi estas D-grupo, kion poste signifas A-grupo?" Krome ni faris ankaŭ tuttagan busan ekskurson al subĉiela muzeo en Franštát sub Radhošt (konata al parto de olomucaj IFEF-kongresanoj).

La vesperoj apartenis al komunaj kunvenoj, en kiuj oni eksciis pri la laboro de la E-klubo en Žilina kaj Fervojista Sekcio ĉe SEA. Prezentis sin ankaŭ la partoprenintoj (ekzemple ni aŭdis pri interesa flora ekspozicio Floriade, kiu okazas en Nederlando nur unu fojon en dek jaroj - ĝuste ĉijare ĝi estis. Eĉ vizitis nin fama eksterlanda kantistino kaj dancistino, kiun ĉarme prezentis unu el germanoj), oni amuziĝis, kantis, eĉ dancis, unu posttagmezon eĉ ĉe la bivakfajro.

Oni devas konfesi, ke fine de la renkontiĝo ĉiuj kontentaj reveturis hejmen promesante tutcerte veni por partopreni la jubileajn, 15ajn Turismajn Tagojn TUTA 1993.

FEJFI

## Adresŝanĝo

Kiel jam ononcite, la prezidanto de IFEF, Per ENGEN, translokiĝis en oktobro pasintjare. La adreso estas: Store Presterudvei 35,
N-2300 HAMAR, Norvegio.
Telefono +47-65-29759. ■

**Fakdelegitoj de UEA**

Ju pli da fakdelegitoj ni povos starigi, des pli da atento ni ricevos de la Esperanto-publiko, kaj des pli da atento ricevos nia labordonanto, la fervojo. Ni devas ĉiam kaj ĉie manifestacii nian forton kaj niajn avantaĝojn. Do, ekagu!

**FERVOJA KORESPONDA SERVO**

S-ro Germano GIMELLI, Via Creti 61,
I-40128 BOLOGNA, Italio.
Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1993.1
45a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Åderupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 20.02.1993

**Presejo:**
Geflon Tryk Næstved A/S

## Niaj jarkunvenoj

**DEFA (Danio)**
Ĝenerala kunveno kun sekva modesta komuna manĝo okazos la 6an de marto 1993 en urbo Næstved. Informoj ĉe DEFA-kunordiganto H.Hauge, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

**FFEA (Francio)**
Aranĝo lige al la ĝenerala kunveno de FFEA okazos 22an - 28an de marto 1993 en **Ŝaint-Ŝavinien-sur-Ĉarente,** kun ampleksa kaj varia programo. Informoj kaj aliĝo ĉe s-ino J.Forslund , 3 rue Bel Air, F-17350 SAINT-SAVINIEN.